# Juna amiko

INTERNACIA LERNEJANA ESPERANTO-REVUO

Septembro, n-ro 89/3 (50), 16a jaro



50 Kvindeka jubilea numero!



Juna amiko, revuo por lernejanoj kaj komencantoj. Eldonata de la Hungara Esperanto - Asocio kaj aŭspiciata de la Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj (ILEI)

Aperas kvarfoje jare: februare, aprile, septembre kaj novembre.

Redaktoro kaj grafiko: Stefan MacGill.

Adreso de la redakcio: pf. 193, H-1368 Budapest, Hungario.

Abonprezo en Hungario ĉe HELIR: 40 ft. (por eksterlandano 48 ft.) Internacie ĉe UEA: 8,40 gld.

Anoncoj:
Kvaronpaĝo: 250ft soclande aŭ 25gld aŭ 3 jarabonoj en aliaj okcidentaj valutoj.
Duonpaĝo: 420ft aŭ 42gld. aŭ 5 jarabonoj.
Tuta paĝo: 600ft. aŭ 60 gld. aŭ 7 jarabonoj.

Ni jubilas! Ni jubilas pro jubileo. Do, ni jubilas, ĉar ni jubileas.

Fine de 1972 aperis la unua provnumero de nia revuo. Ekde tiam, sub la prizorgo de nur tri redaktoroj: Géza Kurucz, Oldrich Knichal kaj la nuna, *Juna amiko* batalis tra ondoj da obstakloj kaj malfacilaĵoj, kaj tamen sukcesas nun atingi sian kvindekan numeron. En tiu unua numero prezentiĝis jam la servo 'Geonkloj Esperantistaj' kiu, kune kun 'Kastora Klubo', utiligis la revuon dum multaj jaroj sub la prizorgo de S-ro J.H. Sullivan el Britio. Jam en la dua numero unuafoje aperis la rubriko 'Klubo de Legantoj' kiun ankoraŭ nun prizorgas Josef Chvosta el Ĉeĥoslovakio. Jam en 1976 nia desegnisto Pavel Rak aliĝis al la teamo.

Ni sukcesis ordigi la malnovajn stokojn kaj kompili inventaron de ili. Ni aperigos tion en estonta numero, ĉar la aperado ne estis ĉiam regula kun duoblaj numeroj kaj numerigaj eraroj; komence jarkolektoj ne rilatis al kalendaraj jaroj.

Rezulte de tiu ordigo ni ofertas jardeko-kolektojn, kaj tiuj iĝis tre popularaj – pli ol sesdek estas venditaj. Pro tio, kelkaj malnovaj numeroj jam elĉerpiĝis, sed de aliaj restas grandaj stokoj; do lige kun la aperonta inventaro ni faros novan proponon.

Por ĉi tiu jubilea numero ni volas doni maksimuman spacon al kontribuaĵoj de legantoj, do aperas nur unu administraĵo: la nova enketilo pri lerneja instruado. Post la apero de la lasta numero ni ricevis pli da respondoj al la pasintjara enketo; ĉefe el Jugoslavio. Tiel la nombro de klasoj ekster Hungario kreskas de 51 al 83 kaj lernantoj de ĉ. mil ĝis ĉ. 1450. La kompletigita listo aperis en *Internacia Pedagogia Revuo* 89/1.

Sed mi finos nian enkondukon nun, ĉar mi aŭdas kantadon kaj ĝojan bruadon de festado sur la apuda paĝo, kaj mi ne volas maltrafi la jubiladon! Do, ĝis revido kaj bonan legadon!

Stefan

Stefan MacGill
3a de junio 1989

Nemzetközi eszperantó diáklap. Megjelenik éventenégyszer. Ára: 10 ft. 89/3 szám, XVI évfolyam. Felelös szerk.: Schiller Judith. Kiadja a Magyar Eszperantó Szövetség, Szentháromság tér 6, H-1014 Budapest. Felelös kiadó: Princz Oszkár. Készult a MESZ Sokszorosítóban: hearota 89-108. Kiad. eng. szám: III/IFJ/30/1976; ISSN 0230-1318.

Terjeszti a Magyar Posta. Előfizethetö bármely hirlapkiézbesitö postahivatalnál, a hirlapkézbesitöknél, a Posta hirlapüzleteiben és Lapellátási Irodánál (HELIR), Budapest, XIII, Lehel u. 10/a, 1900 – közvetlenül vagy postautalványon, valamint átutalással a HELIR 215-96162 pénzforgalmi jelzöszámra.




La amikoj de la *Jun-amiko*
Vivas en Azio kaj Afriko,
Aktivas ili eĉ plurope
Amerike, Aŭstralie kaj Eŭrope!

Ni agadis tra la jaroj
Por transsalt' de lingvaj baroj:
Versoj, skeĉoj, rimoj, kantoj
Por aktivigo de lernantoj.

Vidu! Festas nia bela rondo,
Veninte dise el la mondo.
Por festena enkonduko
Frandeblas granda ronda kuko.

Ekzemplon bonan donas ili,
Vi decidu festi, eĉ simili
Ĉar certas la sekvind' – Ek!
Pro l'atingo de la kvindek!

# Mia hundo

Taĵan estas mia hundo,
Ne tre granda, unu funto,
estas gaja kaj petola
ĉiam ludi kun mi volas,
saltas, pepas, bojas, kuras,
malkontenta nur... murmuras...!
Manĝas tre volonte ĉion
kaj post manĝo volas... plion.
Vesperhore kun mi revas
sed jam nokte...
dormi devas!

*Romuld Skalinski*



## SEL

ESTU PRETA!

Ĉi tiu insigno estas tiu de la Skolta Esperanto-Ligo (SEL). Al tiu ligo apartenas skoltoj kaj skoltinoj tra la mondo, kiuj lernas kaj uzas Esperanton por sekvi la celojn de la skolta movado pri monda frateco. Ĉiuj anoj de la Skolta Esperanto-Ligo ricevas la gazeton de la Ligo *La skolta mondo* – la sola vere internacia skolta gazeto. Ĝi aperas kvaronjare. Por pliaj informoj, skribi al: SEL, 21 Brokfield Avenue, Waterloo, Liverpool, L22 3YE, Britujo.

**KONKURSAJ REZULTOJ**

En numero 89/1 aperis lokomotiva krucvortenigmo kun konkurso. La kaŝfrazo: veran nostalgion. Ni ricevis tridek respondojn, el kiuj 27 estis bonaj (DDR 14, SU 5, BG kaj H po 2, YU, CS, D kaj I po 1). La gajnintoj estas nova abonantino Carola Lehr el Neubrandenburg, GDR kaj Ivan Vasilev Nikolov el Sviŝtov, Bulgario. Ambaŭ ricevos librojn el Hungario.

Komence de la sama numero ni anoncis konkurson nur por legantoj ne pli ol 12-jaraj. Ni ricevis desegnaĵojn de Frauke kaj Fränze Kuse, Mario Müller kaj Astrid Fisher el GDR, Przemyslaw Gontaszewski el Pollando kaj Diana Januseviciute el Litovio. Ili estis ĉiuj egale bonaj, do, ĉar ni jubileas, ni sendas al ĉiu libropremion.

Gratulon al ĉiuj gajnintoj, dankon al ĉiu partopreninto!

Por la etuloj

AGNIA BARTO:

# Kiu kiel krias





*Miaŭ, miaŭ, ron, ron*
Incitas kokinaron



*Kokeriko*
Trovis vermon en urtiko!



*Kluka, kluka*
Ovo sub arbust' kaduka





*Grak, grak*
Morgaŭ pluvo
*Klak, klak*

*Pepi, pepo, kviki-kviko*
Bekas tritikon



Bovino muĝas
lakto urĝas

*Tradukis Jelagina Ludmila,*
kiu uzis ĝin kiu sia naŭmonata filineto.

Kolorigu la bildojn! Jen nova invito por niaj plej junaj legantoj – ne pli ol 12-jaraj. Sendu al ni kelkajn bildojn, ĉu pri bestoj, ĉu pri aliaj temoj – desegnu ilin per nigra plumo sur blanka papero, kune kun rimetoj en Esperanto. La plej bonajn ni aperigos, por ke legantoj kolorigu viajn bildojn. Se ni aperigos vian verkon, vi ricevos libro-premion!

ANTIKVA IRANA FABLO:

# Salamandro



Iam en malnova tempo, en verdverda valo estis plenakva kaj agrabla lageto. En tiu lageto loĝis salamandro. Tiu salamandro estis malica kaj egoista. Ĝi ĉiam diris al si mem: "Nu, jam kiom da muŝoj mi ĉasu? Mi jam laciĝis. Mi dezirus kapti pli grandan beston, sed bedaŭrinde, mi ne estas tiom forta." La salamandro daŭre sidis sur folio meze de la lageto kaj pensis kaj pensis ...

Iun tagon, la salamandro ekvidis muson. La muso alvenis trinki akvon de la lageto. Subite ekbrilis stranga fulmo en la okuloj de la salamandro; interesa ideo! Iom poste la salamandro estis ĉe la muso:

"Saluton kara muso!"

La muso diris mirante: "Saluton, salamandro!"

## VORTKLARIGOJ

salamandro: vostohava amfibio, simila al lacerto, kiu vivas surtere (vidu bildon)
egoista: pensanta nur pri si mem.
malica: malbonvola, malhelpema.
muŝo: ofta insekto, ses-krura; loĝas apud homoj kaj bestoj.
ĉasi: postkuri por kapti.
fulmo: natura elektro. Ĉi tie eklumo en okulo indikas aperon de malica ideo.
premiĝi: esti enpuŝata. 'Premiĝas mia koro' = 'Mi sentas malfeliĉon'
intima: proksima.
plenumi: realigi, efektivigi.
vosto: la plej malantaŭa parto de bestoj.
moko: kritiko, malŝata ridindigo.
cedi: rezigni pri propra ideo.
trompiĝi: lasi, ke iu alia erarigu sin. Esti superruzita. Esti misuzita.
sagaco: saĝeco, lerto, ruzeco
sufokiĝi: ne plu povi spiri. Morti pro aeromanko.
nizo: birdo uzata por ĉasado, speco de akcipitro, simila al aglo aŭ falko.
ungo: akra parto fine de piedo de birdo, uzata por kapti ĉasaĵon. Ankaŭ homoj havas ungojn sur siaj fingro-pintoj.
naiva: tro stulte idealisma, ne sufiĉe suspektema kaj realisma.

La salamandro daŭrigis: "Kara muso, mi estas tre sola. De mateno ĝis nokto mi sidas sur tiu folio en la mezo de la lageto kaj mia koro premiĝas pro soleco. Ĉu vi dezirus amikiĝis kun mi?"

"Certe, jes, kaj mi eĉ ĝojus!"

La salamandro kaj la muso iĝis intimaj amikoj. Ĉiutage ili ludis kaj saltadis apud la lageto. Poste ili sidis kaj interbabilis. La muso diris: "Mi ĝojas, ke mi trovis bonan kaj afablan amikon kiel vin."

La salamandro enkore ridis pri la muso kaj pensis en si: "Ankaŭ mi estas tre gaja. Kia stulta besto ĝi estas. Tute bona manĝaĵo por mi!"

Fine iun tagon, la salamandro trovis bona la situacion por plenumi sian planon. Post iom da ludado kun la muso, ĝi diris: "Kara muso! Ĉu vi ne dezirus veni en la lageton ludi? Kredu, tio estas vere ĝuinda! La muso respondis: "Vi verdiras, sed mi ne scipovas naĝi. Se mi iros en la akvon, mi dronos!"

"Mi ja ne lasos tion okazi, " diris la salamandro: "Mi ligos vian voston al mia vosto. Vi rajdos sur mia dorso kaj mi naĝos."

"Sed ĉi tiu ago estas tre danĝera!"

La salamandro kun moko diris: "Mi supozis, ke vi estas kuraĝa besto, sed mi vidas, ke vi estas timema."

La muso, kiu ne deziris, ke oni nomu lin timema, cedis kaj trompiĝis de la salamandro. La salamandro kun sagaco ligis ties voston al sia kaj tuj eniris en la akvon. La malfeliĉa muso tuj post la enakviĝo sufokiĝis. La salamandro kun multe da plezuro pro sia grasa ĉasaĵo, revenis al la surfaco por ekmanĝi. Sed ĝuste en tiu momento forta nizo, kiu estis fluganta super la lageto, ekvidis la mortintan muson sur la akvo. La nizo tre rapide kaptis la muson per siaj akraj ungoj kaj ekflugis. Tiam la salamandro, kies vosto estis ligita al tiu de la muso, kune tiriĝis el la akvo, kaj mem fariĝis alia ĉasaĵo por la nizo! Tiel ĝi trovis la rezulton de sia trompado de la naiva amiko, la muso.



Iom poste, la nizo en sia nesto donis du grasajn kaj molajn ĉasaĵojn al siaj idoj.

*Elpersigis s-ino Agdas Sepehr-Dad Ano de la Irana Traduk-Centro, Tehrano.*

# JUBILEA KRUCVORTENIGMO

R = uzu nur la radikon.

**Horizontale:**

4. Misfaro, eble kontraŭ religia regulo.
6. Difinita artikolo.
7. Svisa kantono en la Rodana valo. (R)
9. Kiel kondutas milita estro.
11. La prezenca participo.
12. Estu daŭre feliĉa.
16. Mallongigo por Esperanto.
17. Simboloj uzataj por kalkuli aŭ nombri.
18. La sola siaspeca afero estas tia.
19. Forta ŝato. (R)
21. Ujo, kutime farita el ŝtofo, plasto aŭ papero. (R)
22. Ofte videbla sur la ĉielo nokte.
24. Estiĝas, aperas. Ekzemple: akcidento, incidento aŭ evento ______.

**Vertikale:**

1. Prepozicio, kiu indikas i.a. posedon.
2. Granda norda cervo. (R)
3. Perioda presaĵo kun konstanta formato.
4. Prepozicio: kaŭze de.
5. La kvinoblo de kvin je la dua potenco minus kvinoble dekkvin.
6. Apartenanta al studantoj.
8. Apartenanta al li.
10. Reproduktilo de pin-arbo (ankaŭ geometria formo)
13. Malalt-aĝa.
14. Persono, kiun oni bone konas kaj ŝatas.
15. Rus-montara.
20. Monda Organizo por Sano (mallongigo).
23. Utiligo. (R)



**KONKURSA KAŜFRAZO:**

Prenu la vortojn laŭ la sekvaj indikoj: 12, 4vert., 5, 17, 1, 6horiz., 18, 6vert., 3, 13 kaj 14.

Jen nia jubilea konkurso, en kiu niaj legantoj povas gajni premiojn. Estos du libropremioj por legantoj malpli ol 15-jaraj, kaj unu sen aĝlimo. Sendu la kaŝfrazon al *Juna amiko*, Hungara Esperanto-Asocio, pf. 193, H-1368 Budapest, Hungario ĝis la jarfino. Indiku vian nomon, adreson (skribu klare kaj latin-litere!) kaj aĝon.





# MATEMATIKAJ TEM-ATAKOJ

**A Solvendaj serioj:** Sube vi trovos kelkajn seriojn. Skribu la postan ciferon aŭ simbolaron en la serio:

1. Sep, dek kvar, dudek unu, dudek ok, tridek kvin, ??????? ??
2. 901, 813, 725, 637, ???
3. 16384, 8192, 4096, 2048, 1024, ???
4. 1T, 2S, 4P, 7N, 11L, 16Ĵ, 22I, ???
5. kvarmil, tricent, dudek, ???
6. mildudeka, dekkvina, dektria, dekdua, kvara, sepa, ??. *(Du respondoj)*
7. 98, 72, 50, 32, 18, ?
8.

$$\frac{26}{62} \quad \frac{39}{93} \quad \frac{52}{25} \quad \frac{65}{56} \quad \frac{78}{87} \quad \frac{??}{??}$$

9.




**B** Kiuj numeroj devas anstataŭi la birdon, la stelon kaj la grandan punkton?




Klarigu vian solvon!



Sendu viajn respondojn sur poŝkarto al: *Juna amiko*, HEA, pf. 193, H-1368 Budapeŝt, Hungario ĝis la jarfino. Donu vian nomon, adreson kaj aĝon. Ni rezervos unu premion por malpli-ol-15-jaraĝuloj. Vi rajtas sendi la respondon al la krucvortenigmo kaj ĉi tiu konkurso per la sama poŝtkarto aŭ letero.

*La problemojn sendis s-ino*
*Viktoria Balogh*
*de la Altlernejo en Eger, Hungario.*

# Nova kopso pro agado de 'Kopso'

Antaŭ ne-longe en Moskvo (Sovet-unio) aperis nova organizo por disvastigi Esperanton – instrua kooperativo 'Kopso'. Instruistoj de la kooperativo preparas lernilojn kaj vortarojn kaj instruas koresponde homojn, loĝantajn en urboj kaj vilaĝoj, kie forestas spertaj esperantistoj. La metodo estas tia, ke jam post kelkaj lecionoj lernantoj povas verki malgrandajn rakontojn kaj fabelojn. Ekzemple, post la sesa leciono estas tasko verki fabeleton pri malgaja elefanto kaj bonkora krokodilo. Kaj jen, kion verkis 16-jara mezlernejano el Omsk, Jergenij Roĵkov:

## Blanka elefanto feliĉiĝas

En Afriko loĝis malgaja elefanto. Li malgajis kaj ploris. Li estis blanka elefanto, kaj la aliaj grizaj elefantoj ne volis ludi kun li. Ankaŭ bonkora krokodilo loĝis en Afriko. Li renkontis la malgajan elefanton kaj vidis, ke li ploris. La malgaja elefanto rakontis al la bonkora krokodilo pri la grizaj elefantoj. La bonkora krokodilo volis helpi al la malgaja elefanto. Ili ambaŭ kune vojaĝis al la urbo Omsk. Ili vojaĝis dum monatoj. Fine ili venis en Omsk. La malgaja elefanto naĝis en la rivero Irtiŝ. La akvo en la rivero Irtiŝ estis tiom mal-freŝa, ke la blanka elefanto iĝis griza. Do, li estis tre tre ĝoja. Estonte, li povos ludi kun la aliaj grizaj elefantoj!

Bonvenon al Omsk, karaj bestoj!



Kiel vi povas vidi, lernantoj de 'Kopso' estas ne malbonaj homoj. Iliaj aĝoj estas diversaj – de 11- ĝis 68-jaraj, sed ĉiuj havas junajn animojn. Ilin interesas diversaj demandoj, eĉ, kiel vi vidas, ekologio. Kun ili devas esti tre interese korespondi. Por faciligi tion, 'Kopso' kreis interservon, kiu kolektas ĉiujn adresojn, proponojn kaj ideojn. Ĉiu persono aŭ grupo, skribanta al 'Kopso', nepre ricevas respondon, kaj – preskaŭ nepre – konvenan korespondanton.

Skribu al 'Kopso', Interservo, Kulturdomo 'Lenino', Birjulovskaja 53-1, SU-115372 Moskva, Sovetunio.

*Nikolao Judskov*

# NI KLARIGAS LA UZON DE -IG-!

En la antaŭa numero ni esploris la mondon de '-iĝ'. Nun ni rigardos ĝian frato-sufikson '-ig-'. Ĝia unua uzo estas krei transitivan (du-ligan) verbon el adjektivo. Jen kelkaj ekzemploj el la ĵusa rakonto, kiuj montras klare la diferencon inter '-ig-' kaj 'iĝ-':

Komence la elefanto estis malgaja. Fine ĝi estas feliĉa.

La elefanto feliĉiĝis. La krokodilo feliĉigis ĝin.

La elefanto estis blanka antaŭe. Nun ĝi estas griza.

La elefanto griziĝis. La malpura rivero grizigis ĝin.

La rivero en Omsk estas malpura, sed iam ĝi estis pura.

Tra la jaroj la rivero malpuriĝis. Fabrikoj malpurigis ĝin.

'Kopso' volas, ke korespondado estu pli facila.

Pro ilia interservo, korespondado faciliĝos. Ilia servo faciligos ĝin.

**EKZERCO:**

**Ni povas formi transitivajn verbojn el substantivo plus prepozicio. Transformu la sekvajn frazojn per tiaj verboj, ekzemple:**

**Petro prenis plumon el sia poŝo. Petro *elpoŝigis* plumon.**

1. Sara forigis la polvon de la vazo.
2. Por oficiale plendi, skribu la detalojn sur ĉi tiu paperpeco.
3. La lernejestro metis la diplomon en la manon de la studento.
4. Maria senpacience prenis la leteron el la koverto.
5. La patrino kantis dolĉe por ke sia bebo ekdormu.
6. La soldatoj ordonis al la pasaĝeroj forlasi la buson.
7. Instigu la komitatanojn paroli pri via ideo.
8. Venas la ĉefo, rapidu, ŝovelu la polvon sub la tapiŝon!
9. Kia malordo! Tuj metu tiujn librojn en ordo denove.

**EKZERCO:**

**Ni povas formi transitivajn verbojn el netransitivaj. Kompletigu la sekvajn frazojn per la -ig- formo de verbo el la fraz-komenco:**

1. La instruisto alvenis kaj la bruo ĉesis. Li __________ ĝin.
2. Akvo bolas en la kuirejo. Kiu __________ akvon?
3. Tiu vazo ne falis de si mem! Kiu __________ ĝin?
4. Mi tute ne sciis pri tio. Kiu __________ vin?
5. La trajno subite haltis. Verŝajne ruĝa signalo __________ ĝin.
6. Ha! Li svenis. Plej bone, ke li kuŝu. Helpu min __________ lin.
7. Ve! La bebo ploras denove. Joĉjo, ĉu vi __________ ŝin?
8. La ĉefministro venis hieraŭ. La katastrofo __________ lin.




Sekvos: Bildstrio de Mirka Trchkova el Ĉeĥoslovakio.

# BARNI

Ĉapitro unu el la libro

## 'Hejmo por bestoj'
de Molly Burkett

Mi havis ok jarojn kiam Panjo enportis la blankan strigon – por esti precize, ok kaj duonon. Mi ne sciis, ke ŝi tenis strigidon en siaj manoj; mi vidis nur lanugan birdeton.

"Ho," mi diris kaj etendis la manon por tuŝi la palan, molan pilkon. La birdeto kuŝis senmove. Mi sciis, ke la birdo vivis ĉar mi povis vidi la leviĝantajn kaj malleviĝantajn flankojn dum ĝi spiris, sed ĝi ne havis la forton por stariĝi aŭ eĉ por levi la kapon.

"Ho," mi diris denove, dum mi palpis la molecon de la plumoj. Kaj mi rapide fortiris mian manon kiam mi vidis ĝian vizaĝon. Ĝi estis la plej malbela vizaĝo, kiun mi iam ajn vidis. Troviĝis nenio en ĝia vizaĝo por harmonii kun la moleco de ĝia formo. La beko estis grandega por tia eta estaĵo kaj ŝajnis dividi la vizaĝon en du partojn. Ĝi estis tiom peza, ke ĝi misformis la birdon farante ĝin jen malaproba, jen minaca. La maniero, en kiu la birdido malforte svingis la kapon de unu flanko al alia nur ŝajne emfazis la minacon.

Mi neniam, ĝis tiam, vidis junan strigon kaj mi staris kaj rigardegis ĝin hipnotigita de ĝia malbeleco. Ni havis multajn specojn de junaj bestoj ĉe nia hejmo kaj ĉiuj estis iel allogaj. Sed troviĝis nenia ĉarmo ĉe Barni.

Panjo vidis en mia mieno tion, kion mi sentis kaj ŝi ridis: "Mi opinias, ke ĝi estas ĉarma, ĉar ĝi estas tiom malbela; oni volas fari ion por ĝi, ĉu ne?"

Sed mi ne volis fari in ajn por ĝi. Mi eĉ ne volis tuŝi ĝin. Tamen, iamaniere Panjo pravis; ja estis io fascina pri lia malbeleco. Estis malfacile rigardi for. Paĉjo envenis tiam kaj vidis la strigidon en la mano de Panjo.

"De kie ĝi venis?" li demandis.

"Mi prenis ĝin el la bird-flegejo." diris Panjo.

"Certe estus pli bone lasi ĝin tie, kie ĝi estis."

"Ne," diris Panjo: "Tiu strigoparo elkovas siajn ovojn sed poste malsukcesas nutri la idojn. Mi ne scias, kio okazas al la idoj, ili simple malaperas. Mi kredas, ke eble la gepatroj mortigas ilin."

"Nu, tio okazas ankaŭ en la sovaĝa naturo. Tio ne estas ligita al la mallibereco de la birdoj."

"Ne, sed mi suspektas, ke ili mortigas ilin ĉar estas ia difekto ĉe ili."

"Tiu aspektas tute sana laŭ mi." diris Paĉjo.

"Mi scias," respondis Panjo: "sed birdoj kapablas antaŭscii, kio okazos, ĉu ne? Pripensu la fakton, ke strigoj naskas la ĝustan nombron da idoj laŭ la kvanto da havebla manĝaĵo dum la junuloj kreskas. Nu, kiel ili povas scii tion? Mi opinias, ke la samo okazis ĉe ĉi tiuj strigoj. Ili scias, ke estas difekto ĉe la idoj kaj detruas ilin antaŭ ol ili kreskas sufiĉe por montri la difektojn. Tamen, mi mem zorgos pri ĉi tiu kaj poste mi vidos ĉu estas difekto ĉe ĝi aŭ ne."

Paĉjo gruntis, sed li ne diris ion plu. Li ĉiam plendadis, ke ni prizorgas tro multe da bestoj kaj birdoj. Tamen, kiam iu telefonas pri sovaĝa besto kiu bezonas helpon, li estas la unua eniri la aŭton por iri kaj alporti ĝin.

Sciu, ke Panjo kaj Paĉjo fondis flegejon por rensanigi sovaĝajn bestojn. Ili prizorgas malsanajn kaj vunditajn sovaĝajn bestojn kaj penas remeti ilin en ilian propran medion. Mia frato Sinĵon kaj mi ne povas rememori tempon kiam la domo kaj ĝardeno ne estis plenŝtopitaj de ili. Mi ne povas rememori eĉ unu tagon kiam ni ne laboris pri bestoj. Tiu juna strigo estis nur unu el pli ol du mil birdoj prizorgitaj de ni.



Kelkaj el miaj amikoj opinias, ke mi estas vere bonŝanca ĉar mi loĝas en centro por bestoj. Aliaj opinias, ke mia familio estas iom stranga, precipe kiam mi malfrue atingas la lernejon ĉar mi helpis Panjon savi cignon de silo aŭ helpis savi melon, kiu enfalis truegon.

Mia avino ne vere komprenis nian vivmanieron. Ŝi konis Panjon kaj Paĉjon pli longe ol mi sed ŝi estis ofte surprizita pri la okazaĵoj en nia hejmo. Ŝi povis rigardi beston kaj povis anonci en tre firma voĉo ĝuste tion, kion ĝi faras, kvazaŭ Panjo kaj Paĉjo mem estas kulpaj.

"Moli, sidas vulpo en la brakseĝo!" ŝi iufoje diris, kvazaŭ neniu

alia kapablis vidi ĝin. Aŭ, "Johano, estas birdo en la necesejo!" Aŭ, "Troviĝas urio sub mia lito!" Ŝi faris tiajn anoncojn, kvazaŭ la bestoj ne havis rajton esti ĉe ni.

Kelkfoje, tiom abundis ĉe ni bestoj, ke ni devis porti ilin en la domon ĉar ne troviĝis lokoj por ili ekstere. Barni estis unu tia birdo, kiu envenis kaj decidis resti. Sed li estis unu el multaj.

*Libere tradukita de Paul Hewitt, Britio*
*kun la permeso de la aŭtorino.*

## VORT-KLARIGOJ

**lanugo:** delikata maldika plumaro.
**palpi:** esplore tuŝi kelk-foje.
**emfazi ion:** elstarigi ion; tiri la atenton al io.
***mieno:** vizaĝa esprimo.*
**fascina:** forte atento-kapta.
**flegi:** prizorgi, resanigi.
**nutri:** manĝigi.
**suspekti:** opinii, supozi, veni al konkludo.
**difekto:** malbonaĵo, misaĵo ĉe besto aŭ maŝino.
**grunti:** fari bruon kiel porko, ofte por indiki malkontenton.
**plendi:** esprimi malkontenton.
**peni:** provi, klopodi.
**medio:** vivo-tereno.
**silo:** alta turo kie oni konservas grenon ks.
***melo:** rabobesta mamulo.*
**kulpa:** farinta ion malbonan.
**urio:** laro-forma birdo kun longa pinta beko.



## Kie la lupo loĝaĉas

Omleto saltas el la pato.
Ĝin preskaŭ kaptas nigra kato.
Ruliĝas haste ĝi, hastege,
Sob la ŝtupar', timante ege,
Kaj tra la pordo malfermita
Preter la hundo agitita,
Ruliĝas plu laŭ la ŝoseo,
Sub multaj arboj de aleo,
Kaj poste plu tra la kamparo
Kaj malaperas en arbaro.
Kaj ĉiam sekvas ĝin la kato,
La hundo same pro malsato.
En arbo-ombro kato vidas,
Kaj hundo snufas. Lupo ridas.
Unue glutas ĝi omleton.
Devoras due la hundeton,
Kaj mangas trie nigran katon
Kaj sentas fine egan saton.

Rikardo Ŝulco,
Mindeno, FR Germanio

# La fera logiko

Vivis kaj vagis studento tra la vasta mondo. Pli ĝuste, li vagis laŭ la rando mem de la mondo. Li subite vidis krokodilon. Grandegan, verdan krokodilon en nilona ĉemizo kaj leĝera sporta kostumo. La krokodilo sidis sur ŝtoneto kaj mediteme turnadis la butonojn de portebla radio-ricevilo. La studento miregis. Laŭ la lernolibroj pri geografio, ĉi tie neniaj krokodiloj devas esti.

"Saluton" diris la krokodilo.

"Saluton," diris la studento: "kio estas vi?"

"Kial vi demandas? Krokodilo estas mi. Ĉu ne klaras?"

"Sed kial vi parolas kiel mi, home?"

"Tio simplas. Mi estas civilizita krokodilo. Mi radion aŭskultas. Tie ĉi ni tut-urb-umas." Li piedsvingis ien flanken.

"Fantaste!" denove miris la studento: "Kaj tiuj krokodiloj, kiuj estas en besto-ĝardenoj, kio ja estas ili?"

"Ili estas niaj sovaĝaj pra-uloj. Same, kiel la viaj – la simioj."

"Ĉu sekve vi ankaŭ estas racia estaĵo?"

"Ĝuste tiel."

"Tio ne povas esti!" firme deklaris la studento.

"Kial?"

"Ĉar tio ĉi kontraŭ-diras la darvinan teorion."

"Tute ne. Darvino asertis, ke eĉ vermoj havas iajn instinktojn."

"Do, eble ĉi tio kontraŭdiras la konkludojn de Pavlov?"

"Tute ne! Ĉu vi jam legis la rimarkindajn verkojn de Pavlov?"

"Ne, ankoraŭ mi ne legis ilin," respondis la studento: "sed mi scias. La homo estas la reĝo de la naturo! Li estas ĝia kulmino!"



"Kaj krokodilo, ĝi ankaŭ estas kulmino."

"Sed kion vi imagas?!" indignis la studento: "Kia stultaĵo! Pro tiaj vortoj ja... oni... Nur la homo povas esti la kulmino"

"Mi ĉiam pensis, ke la homoj estas saĝaj estaĵoj!" ekkoleris la krokodilo: "Ĉu ne vian radio-stacion mi aŭskultis?"

"Mi ne scias, kion vi aŭskultis, tamen aŭdis vi ne tion, kio estas necesa!"

"Nu, bone," trankviliĝis la krokodilo: "ĉu laŭ via opinio mi devas esti malica kaj raba besto?"

"Certe." konvinkite diris la studento.

"Nu, do, tiukaze mi manĝos vin."

La studento perpleksiĝis: "Momenton!" ekbalbutis li: "Eble Darvino eraris, ĉu? Atendu, atendu, eble mi miskomprenis Pavlovon, ĉu?"

"Ne," obĵetis la krokodilo: "Nenion vi miskomprenis. Senvestiĝu!"

"Haltu! Haltu! Eble mi ne bone esprimis min!"

"Vi belege pri ĉio parolis. Vi konvinkis min. Demetu ankaŭ la ŝtrumpetojn."

"Mia logiko lamas..."

"Ne, via logiko estas fera! A..a...a..a..AMMMMM!" diris la krokodilo kaj formanĝis la studenton.

*Elrusigis V. Vjazovcev, Salavat, Sovetunio*

## ATENDAS

Mi sola promenas
En flora pejzaĝo
Sed kore ĉagrenas
Sen via vizaĝo

Triste promenas
Vizaĝe al vojeto
El kiu vi venus
Kun dolĉa sekreto



*Verda maro, Ĉinio.*



FEKETE

# Deziras korespondi

dez. kor. = deziras korespondi
tutm. = tutmonde
ĉ.t. = ĉiuj temoj

**Ni aperigas korespond-petojn de junuloj, klasoj kaj instruistoj senpage. Anoncojn de aliaj plenkreskuloj ni ne aperigas. Bonvolu skribi tre klare (latin-litere) kaj doni sufiĉajn informojn. Bonkvalita foto (prefere nigra-blanka) bonvenas.**

## Bulgario

Dekkvin lernantoj inter 11 kaj 13-jaraj dez. kor. tutm. ĉ.t. La E-instruistino estas Violeta Naĉeva. 6a lernejo 'Mitvo Palauzov' Ŝkola, E-grupo 'Amikeco', BG-5300 Gabrovo.

Jordan K. Velikov, str. Ĥaĝi Dimitar 7, BG-5250 Sviŝtov. 16-jara unujara esperantisto (sur la foto) dez. kor. kun samaĝuloj el Nederlando, Italio, Francio kaj aliaj landoj pri geografio, futbalo kaj aliaj temoj.



Svetoslav Kodinov, str. Han Asparuh 5, bl. 45, B, ap. 14, BG-4700 Smoljan. 17-jara fraŭlo dez. kor. kun junuloj ĝis 22-jaraj en Kubo kaj Nov-zelando.

Borjana kaj Stefka Ivanova, Kurtovo Konare, BG-4223 Rodopi, Plovdiv. Du 16-jaraj fraŭlinoj dez. kor. kun fraŭloj ĝis 22-jaraj el Italio, Kanado kaj Britio pri ĉ.t.

Elena Kostadinva Ingilzova, str. Stojo Ŝiŝkov, bl. DAP/B, ap. 15, BG-4700 Smoljan. 16-jara nova lernantino dez. kor. pri ĉ.t. kun geamikoj el Italio, Hispanio, Francio kaj Kanado.

## FR Germanio

Andrea Rau, Hans-Thoma-Str. 8, D-7798 Pfullendorf, 12-jara gimnazianino. Hobioj: ludi pianon, legi, naĝi, baleto kaj teniso.

Elke Windrath, Sägeweiher, D-7794 Wald. 12-jara gimnazianino.

Rik Zahradka, Wasserbachstr. 59, D-7250 Leonberg. 13-jara komencanto. Interesoj: legado, muziko, astronomio kaj Aŭstralio.

Ralf Seeland, Kaplerweg 22, D-7310 Plochingen. 13-jara komencanto. Kolektas poŝtmarkojn, ŝatas bicikli kaj sporti.

## Germana DR

Jana Hübner, Frankendamm 16, DDR-2300 Stralsund. 13-jara komencantino dez. kor. tutm. kun gesamaĝuloj pri ĉ.t. Ankaŭ germane kaj ruse eblas.

Naŭ gelernantoj, komencantoj, inter 10- kaj 15-jaraj, dez. kor. tutm.: AG Esperanto, Pionirhaus 'Grete Walter', Schulstrasse, DDR-7700 Hoyerswerda.

Verena Blum, Friesacker str. 2a, DDR-1833 Rhinov. 13-jara lernantino dez. kor. tutm. pri i.a. bestoj. Kolektas poŝtmarkojn, librojn, bildkartjn, kalendarojn kaj gluetikedojn.

## Hungario

Anastazia Mónok, Petőfi S. út 18 B, H-8897 Sojtor. 13-jara lernantino dez. kor. tutm. Kolektas bildkartojn kaj afiŝojn de pop-kantistoj.

Bartók Zsuzsa, Széchenyi út 6, H-3360 Heves. 14-jara lernanto dez. kor. tutm.

## Kubo

Juan Monés C., Morro 25912 en/Celedonio Bernal y Final, Las Canas Calabazar 19230, Municipio Boyeros, Havana. 26-jara instruisto en meznivela lernejo, kiu instruas la hispanan lingvon. Interesiĝas pri ĉ.t., ĉefe pri amo, la vivo, popol-kutimoj kaj Esperanto. Volas krome interŝanĝi poŝtmarkojn, bildkartojn kaj leterojn.

## Pollando

Infan-grupo de 10- ĝis 15-jaraj lernantoj dez. kor. tutm. pri ĉ.t. Rondo 'Junaj Esperantistoj', Skola Podstawova 9, ul. Kujawska 1, PL-64-920 Pila.

Edyta Martyn, ul. XXX-lecia PRL nr. 39, PL-63-900 Rawicz. 14-jara komencanto dez.

kor. kun esperantistoj en Kanado, Germanio, Francio, Brazilo, Aŭstralio, Sovet-unio, Britio, Hispanio, Italio, Bulgario, Svedio, Japanio, Ĉinio kaj Hungario. Interesiĝas pri sporto, muziko, turismo kaj laboro. Kolektas bildkartojn, poŝtmarkojn kaj fotojn. Ŝatas vojaĝi, ekskursi, legi, danci kaj kanti.

Dorota Walocha, Biedrlychowice 123, PL-48-256 Opole. 14-jara lernantino, kiu interesiĝas pri turismoo, literaturo kaj sporto. Mi kolektas bildkartojn, poŝtmarkojn, fotojn kaj kalendaretojn. Dez. kor. tutm.

## Sovet-Unio

Arunas Karaliunas, str. Blindziu 20-10, SU-232004 Vilnius, Litova SSR. 17-jara junulo (sur la foto) interesiĝas pri biologio, geografio, turismo, lingvoj kaj sporto, ŝatas legi, ludi futbalon kaj korbopilkon, kolektas poŝtmarkojn kaj poŝtkartojn. Dez. kor. tutm.



Damludantoj vokataj! Damludantoj el Sovet-unioo deziras fondi la unuan korespoondan internacian turniron - por 64 kaj 100 feldoj. Bv. skribi al la turnir-gvidantoo: Vladimir Ĥetĉikov, Gajnulina 16-11, SU-665703 Bratsk 3.

Grumadas Mindangas, Mimozas 15, Tirkiliŝkes pŝt, SU-234318 Kaunas. 10-jara komencanto, knabo, dez. kor. tutm. pri filatelo.

Rita Maliauskaite, Merkinis 3-39, SU-234690 Druskininkai dez. kor. tutm., same la sekvaj samurbanoj: Kalpokaite Riita, Liŝkiavos 31-35; Jankauskaite Ĵivile, Liŝkiavos 12-10 (14-jara); Nozkeviĉiute Daiva, Liŝkiavos 31-21 (13-jara).

Ignatauĉiute Danguoli, Petkeviĉiaus 10-71, SU-234580 Alytus, Litova SSR. 16-jara, dez. kor. tutm.

Mikaelo Gertelman, str. Ĵukovskogo 22-33, SU-410010 u. Saratov. 19-jara, dez. kor. tutm. Interesiĝas pri kalkulada tekniko, algoritmaj kaj naturaj lingvoj, tradukoj en Esperanto de poezio kaj prozo kaj aliaj temoj.

Gaile Lopataite, Projektustoj 41-17, Penevezys, Litovio. Dez. kor. tutm. pri ĉ.t., i.a. historio kaj muziko.

Nekraŝaite Zivile, Chemiku 55-9, SU-235000 Jonava, Litova SSR. 19-jara komencantino dez. kor. tutm. pri ĉ.t.

Sluĉanko Anna, Pr-t Budjonnogo 25-58, SU-105275 Moskva. 16-jara, dez. kor. pri muziko, literaturo kaj ĉ.t.

Lavrentjev Sergeo, str. Norilskaja 6-186, SU-129346 Moskva. 15-jara lernanto dez. kor. tutm. pri turismo, numismatiko, flagoj, filmado ktp. Kolektas poŝtmarkojn kaj bildkartojn pri birdoj kaj bestoj.

Kameneva Maria, ul. Radolickoogo 23, SU-355013 Stavropol. 14-jara, dez. kor. tutm. Okupiĝas pri sporto kaj lingvoj. Kolektas poŝtmarkojn kaj kalendarojn.

I. Mihajlovskij, ul. Sovetskaja 39-17, SU-400005 Volgograd. 16-jara. Dez. kor. tutm. pri moderna muziko.

Roman Romanov, a/k 822, SU-656015 Barnaul. 15-jara junulo dez. kor. tutm. pri muziko, aŭto-tekniko ktp.

Ramune Markelyte, str. Gelvony 10-20, SU-232010 Vilnius, Litova SSR. 13-jara lernantino dez. trovi amikojn kolektantajn bildkartojn, glumarkojn, poŝtmarkojn, kalendaretojn.



Jolanta Kulbyte, Gelvonu 50-14, SU-232010 Vilnius. 13-jara lernantino (vidu la foton) dez. kor. tutm. kaj interŝanĝi poŝtmarkojn, glumarkojn, bildkartojn ktp.

Vadim Ĉajkin, p.k. 24, Cjurupinsk 1, SU-326520, dez. kor. pri kulturo, orienta filozofio, jogo, orientaj batalartoj. Respondo garantiata.

Kergyte Migle, Geguzes 1-oji, 15a-2, SU-235420 Kiveŝenai, Litova SSR. Dez. kor. pri literaturo, muziko kaj interŝanĝi muziknotojn, fotoalbumojn kaj bildkartojn.

Eugeno Rojkov, pr. Mira 167a-2, SU-644085 Omsk. 17-jara, dez. kor. kun gejunuloj tutm. Ŝatas sporton, muzikon, lingvistikon, kolektas bildkartojn kaj monerojn.

SEPTEMBRO:

# Monato de Internacia Enketado

En multaj landoj septembro estas la monato en kiu oni reiras al la lernejo post la longaj ferioj. Tial, ILEI (Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj) decidis, ke tiam ni enketu pri la instruado de Esperanto en lernejoj. Ni enketas pri lernantoj inter la aĝoj de 5 kaj 18, tio estas antaŭ-universitata instruado. Pri tio enketas samtempe s-ro Pirlot el Belgio.

Vi scias, ke pasintjare ni enketis, ĉar vi legis la rezultojn en *Juna amiko* 89/1. Ni trovis ĉ. 1500 lernantojn, sed tio estas tre nekompleta. Ni apenaŭ ricevis respondojn el kelkaj landoj, kie oni multe instruas Esperanton, ekz. Ĉinio kaj Bulgario. Ni apenaŭ ricevis respondojn de ekster Eŭropo. Ĉi-jare ni vokos pli vaste, pli frue kaj pli laŭte. Krome, ni petas Landajn Sekciojn de ILEI kaj Landajn Asociojn de UEA sisteme arigi informojn pri siaj landoj kaj sendi ĝin al ni. Nia demandilo povas helpi en tiu laboro.

Instruistoj, bonvolu nepre plenskribi la ĉi-kunan demandilon kaj sendi ĝin al ILEI; se eble bv. sendi kopion ankaŭ al via landa instanco. Sufiĉas sendi ĝin al tiu, se vi certas, ke ĝi plusendos la rezultojn al ni. Vi rajtas peti pliajn ekzemplerojn de la demandilo de la donita adreso; ni disdonis pliajn dum la Universala Kongreso en Brajtono, kaj ni sendis stokojn al ĉiuj Landaj Sekcioj de ILEI. Redaktoro de gazeto, kiu pretas aperigi la demandilon povas ricevi prespretan originalon de ILEI.

*Ankaŭ vi plenumu vian devon en MIE: La Monato de Internacia Enketado!*

## INTERNACIA LIGO DE ESPERANTISTAJ INSTRUISTOJ

### Enketilo pri lerneja instruado de Esperanto 1989/90

**Bonvolu resendi ĉi tiun demandilon al *Juna amiko*, Hungara Esperanto-Asocio, pf. 193, H-1368 Budapest, Hungario ĝis plej malfrue la 31a de decembro 1989. Bonvolu skribi tre klare kaj respondi aparte por ĉiu klaso.**

Urbo: Lando:

Nomo de la lernejo:

Adreso de la ☐ lernejo/ ☐ instruisto:

Nomo de la instruisto:

*TURNU!*

Ĉu profesia instruisto? JES/NE  Dungito de la lernejo? JES/NE

Kiom da lernantoj de la kurso?  Kiomaĝaj?

Komenco de la kurso:  Atendata daŭro

Kiom da studhoroj entute apartenas al la kurso?

Kiom da studhoroj okazas ĉiusemajne?

Ĉu la kurso okazas ene de oficialaj horoj? JES/NE

Ĉu ĝi estas plene oficiala lerneja stud-temo? JES/NE

Se ne, ĉu partopreno estas deviga post elekto? JES/NE

Ĉu plenumo de la kurso kondukas al kredito en la lerneja sistemo?

Ĉu fine de la kurso okazas ekzameno? JES/NE

Se jes, kiu starigas aŭ rekonas tiun ekzamenon?

Kiujn lernolibrojn kaj materialon vi uzas? (Aŭtoro, titolo)

Ĉu lernantoj jam korespondas internacie? JES/NE

Ĉu vi volas starigi korespondadon – klasan ☐ individuan? ☐

Ĉu alispecan internacian kunlaboron aŭ helpon vi volas?

# Vivi, vivi

Aeron al mi donu
Spiri volas mi.
Al ĉiuj homoj diru
Kia estas mi.
Ne piedpremu min
Mi volus plori.
Ŝtonoj estas malmolaj pli
Ol estis mi.
Mi bezonas arbaron
Mi krii volus.
Ĝis ĉielo mi havas doloron
El infanaĝ' mi ne forirus.
Aeron al mi donu
Ĉar denove sufokiĝas mi.
Mi volus vivi
Sed ne morti.

*Zdenka Svetliĉiĉ*



Tradukis el la kroatserba de Goran Svetliĉiĉ, el la 7a klaso de la bazlernejo 'Veljko Vlahoviĉ', apud Zagreb. La traduko estis premiita en la konkurso 'Majaj tagoj'.


Kanto-kasedo

## Dinnyés: AL VENKO!

16 esperant-lingvaj kantoj de la renoma gitaristo-kantisto József Dinnyés (prononcu *Joĵef Dinjeŝ*). Krom liaj kantoj vi povas ĝui ankaŭ melodiigitajn verkojn de famaj Esperantaj aŭtoroj, kiel R. Schwartz (Aĝoj de la homo), J. Baghy, L. Zamenhof (Ho, mia kor') kaj aliaj. Bonkvalita registraĵo, bela aspekto. Por aĉeti la kasedon, turnu vin al via Libroservo. Eldonis:

*LINGVO-Studio, Budapeŝto*


Instruistoj! Via internacia organizaĵo estas ILEI:

## Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj

Ricevu ĝian organon kvarfoje jare, partoprenu ĝiajn konferencojn (1989 en Carleon, Britio; 1990 en Kubo). Jarabono 40 svedaj kronoj ĉe ILEI, Södra Rorum pl. 455, S-292 94 Hörby, Svedio; pĉk. 682117-7 (Stokholmo).

# Lernejo estas se...

**Eldiroj de lernantoj laŭ la libro de Ivo Samec. Tradukitaj de Josef Chvosta, Ĉeĥoslovakio.**

Higieno estas, se oni lavas sin pli ofte ol estas necese.

Ĉe mia avo en vilaĝo mi havas multajn bonajn amikojn kaj hundojn.

Kuracisto mi ne iĝos, ĉar mi ne kapablas mortigi eĉ muŝon.

Mi estas ĉiuj infanoj, kiujn nia familio havas.

La princo ekkaptis glavon kaj ekis pafi la atakantajn malamikojn.

Mia patro estas konduktoro. Se homoj aĉetas biletojn, li perforas ilin.

Pizo estas legomo en piloloj.

Spino estas longa osto. Ĉe unu ekstremo oni havas kapon, ĉe alia oni sidas.

Venu ĉiuj rigardi por vidi, ke dum tiu eksperimento estas nenio videbla.

Tie vi vidas nevideblan gason.

Kato multiĝas per katidoj, kiuj estas dum naŭ tagoj nevideblaj. Poste ili ricevs okulojn.

Lernantoj pretigas manĝbretojn por birdoj, kiujn ili poste pendigas sur arboj.

La leporoj ektimas, ĉar ili ekaŭdis bojadon de hundoj kaj ĉasistoj.

Ohm estis germana elektra rezisto en la deknaŭa jarcento.

La akvo de la rivero iĝis tiom pura, ke homoj eĉ libervole trinkis ĝin.

Sangon oni havas, por ke oni ne elsekiĝu ene.

En la besto-ĝardeno plaĉis al mi plej multe la nova kiosko kaj la elefantoj.

Hundo konsistas el felo, karno, ostoj kaj puloj.

Tajfuno estas, se poste estas nenio.

En novembro okazos en Belgio la projekto 11.11.11, kiu temas pri kunlaboro kun la tria mondo. Unu vilaĝo starigos rilatojn kun la suda parto de Brazilo. Por tio ili aranĝas ekspozicion de infan-desegnaĵoj kun la temo "Helpu al triamondaj landoj". La subskribinto atendas desegnaĵojn de 6 ĝis 12-jaraj infanoj. Ĉiu ricevos memoraĵon. S-ro Ward Schallenbergh, Jaak Lemmensstr. 4, B-2970 Boortmeerbeek, Belgio.

8-jara David, suferanta je kancero, volas ricevi amase poŝtkartojn el la tuta mondo por tiel eniri la libron Guiness pri mondaj rekordoj. Sendu poŝtkartojn kun esperanta saluto al David, p/a Miss McWilliams, Martin de Porres Infant School, Luton, Bedfordshire, Britio.